n-ro 36
1999-2
oktobro 1999

# Esperanto en Azio



Bulteno de UEA
pri la Azia
Esperanto-Movado

eldonas: KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado), prezidanto: Puramo CHONG
adreso de KAEM: Japana Esperanto-Instituto, JP-162-0042 Tôkyô-to, Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3, Japanio / tel.: +81-3-3203-4581, fakso: +81-3-3203-4582

redaktas DOI Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236-0017 Japanio / tel. kaj fakso: +81-45-785-5458 / PFH02512@nifty.ne.jp

*e n h a v o*

## • *Projektoj por Azia Movado A, B, C, D (koncize)*

*Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*

*A-1: Regule kunveni en ĉiu UK kaj Azia Kongreso*

*A-2: interŝanĝadi kaj sendi informojn*

*Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto*

*Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

*Projekto D: helpi pri E-libroj*

*D-1: eldono de necesaj libroj*

*D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj Esperanto-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj Esperanto-organizoj*

*Komisionanoj de KAEM konsistas el jenaj 6 personoj el 3 landoj. Ili plenumos la taskon ĝis julio 2001.*

Prezidanto/ respondecas pri Projekto A: Puramo CHONG/ Kwangmyong-2 dong 50-5, Kwangmyong-shi, Kyonggi-do 423-012, Koreio. tel.: +82-2-682-3456. fakso: +82-2-616-1571. retpoŝto:puramo@chollian.net

Vicprezidanto/ respondecas pri Projekto B: TAKEUTI Yosikazu/ Noborimati 5-A35-402, Takatuki-si, 569-0046 Japanio. tel. kaj fakso: +81-726-71-3773. retpoŝto: takeuti@nov.email.ne.jp

BAK Hua-gong/ respondecas pri Projekto D/ 116-201 UBang APQ. Jong-Hung-Dung, Buk-Gu, Po-Hang, Kjong-Buk, Koreio. tel.: +82-562-248-2344. fakso: +82-562-274-2403. retpoŝto: bagurso@unitel.co.kr

SYÔZI Keiko/ respondecas pri Projekto C/ Nisinippori 3-7-15, Arakawa-ku, TOKIO, 116-0013 Japanio. tel.:+81-3-3827-7049. fakso: +81-3-3824-1040. retpoŝto: syozik@qa2.so-net.ne.jp

WANG Jianbing/ respondecas pri Projekto D/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808. retpoŝto: cel@china-report.com

YU Tao/ respondecas pri Projekto D/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808. retpoŝto: epc@china-report.com

# 1. La 2a Azia Kongreso de Esperanto en Hanojo

De la 22a ĝis la 25a de aŭgusto la kongreso okazis en Hotelo Horison de Hanojo, la ĉefurbo de Vjetnamio, sub la temo "Kunlaboro por Paco, Stabileco kaj Disvolviĝo". En ĝi aliĝis ĉ. 420 el 16 landoj: 5 el Aŭstralio, 1 el Aŭstrio, 45 el Ĉinio, 2 el Francio, 1 el Germanio, 2 el Hispanio, 2 el Italio, 149 el Japanio, 1 el Kanado, 13 el Koreio, 3 el Laoso, 1 el Novzelando, 1 el Pollando, 2 el Singapuro, 1 el Usono kaj 191 el Vjetnamio.

## 1.1 Ambaŭflanke sukcesa!

*Puramo CHONG, la Prezidanto de KAEM*

Se unu el celoj de Esperanto-kongreso estas instigi la lokan movadon al plia aktivigado, oni povas diri, ke certe sukcesis la 2a Azia Kongreso, okazinta la 22~25an de aŭg, en Hanojo, Vjetnamio. Ĉar nun, post la kongreso, jam aŭdiĝas de vjetnama flanko diversaj kuraĝigaj novaĵoj, ke fondiĝas pluraj novaj Esperanto-kluboj kun multaj junuloj, studentoj kaj civitanoj, kiuj ekinteresiĝas pri internacia lingvo, Esperanto, informite de diversaj landaj amaskomunikiloj. Fakte dum la semajno, kiam okazis Azia Kongreso, Esperanto estis furora temo de televidoj, radioj, ĉiutagaj ĵurnaloj kaj gazetoj en Vjetnamio. Kaj tia furoro nun rezulte de tio montriĝas kiel klare perceptebla realo.

Vjetnamio estis lando, kie nia lingvo havis sufiĉe profundan bazon; dum la militperiodo Esperanto estis unu el konkretaj batalarmiloj por paco en tiu lando. Vjetnamaj esperantistoj eldonis dum tiu fatala periodo mirinde multegajn Esperanto-librojn kaj gazetojn, radioelsendis en nia lingvo por alvoki la pacon al la mondo. Sed post la milito la lando fariĝis preskaŭ izolita ĉefe pro ekonomia kialo kaŭzita de tiu terura milito. Do por ordinaraj esperantistoj en Vjetnamio ankoraŭ estas malfacila afero vojaĝi eksterlanden kaj ĝui internaciajn Esperanto-kongresojn. Kaj en tia lando okazis la 2a Azia Kongreso laŭ la decido de KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado de UEA) farita antaŭ 3 jaroj kun la kompreno de ĝia latenta bazo kaj kapablo.

LKK saĝe kaj energie laboregis dum la jaroj kaj montris rimarkindan rikolton jam en la unua tago de la kongreso: En la solena inaŭguro partoprenis ŝtata vicprezidento kiel alta protektanto kaj faris paroladon sufiĉe favoran al nia lingvo kaj ĝia movado, kaj urbestro de Hanojo gratulis la kongreson per sia bonveniga saluto. Fakte unu el ĉefaj kialoj de kongresa sukceso estas, ke la kongreso akiris grandan subtenon de la ŝtata registaro senprecedencan en aliaj kongresoj. Dum la kongreso ŝtata prezidento ordenis medalojn de amikecoj, kaj vicĉefministro akceptis la reprezentantojn de landaj asocioj en sia oficiala akceptejo. Urbestro de Hanojo preparis belan bankedon por landaj delegitoj. Hanoja registaro preparis specialan eventon dum la kongreso planti en urba parko la memorigan arbon, nomatan 'Zamenhof', por celebri la 2an Azian Kongreson en sia urbo, Hanojo. Ĉiunokte televide elsendiĝis tiaj novaĵoj en la ĉefa tempo de novaĵo-programo. En

gazetara konferenco, okazinta en la dua tago, partoprenis multaj ĵurnalistoj kaj montris grandan intereson pri la internacia lingvo. Oni demandis pri la perspektivo de artefarita internacia lingvo kaj pri ĝia reala utileco kaj ankaŭ pri la konkurenca interrilato kun angla lingvo ktp.

La 2a Azia kongreso en Hanojo sukcesis ne nur eksterflanke sed ankaŭ en la vidpunkto de kongresa enhavo; en ĝi partoprenis ĉ. 460 homoj el 16 landoj. Tio signifas, ke preskaŭ el ĉiuj partoj de azia kontinento partoprenis esperantistoj kaj krome ankaŭ el foraj eŭropaj landoj. La simpozioj pri la ĉefa kongresa temo, "Kunlaboro por Paco, Stabileco kaj Disvolviĝo", ĉiam viglis kun multe da partoprenantoj, kaj 11 fakaj kunsidoj kaj prelegoj ankaŭ estis ĉiam plenaj de energioj de kongresanoj. LKK invitis al nacia vespero la ŝtatan altnivelan artoteamon por prezenti tradician muzikon kaj dancon, kiuj vere mirigis la kongresanojn, kiuj ankoraŭ ne havis sperton mem spekti la unikan kaj mirindan vjetnaman kulturon. Vjetnamaj esperantistoj, dumlonge izolitaj en internaciaj renkontiĝoj, montris grandajn favoron kaj afablon al eksterlandaj gastoj, kiuj do danke al tio povis plene ĝui la amikecon kaj solidarecon kun gastigantaj landanoj.

Azia kongreso, okazinta duafoje en Hanojo, post la unua en Ŝanhajo jam fariĝis bela tradicio en la monda movado, kaj oni konstatis, ke regiona kongreso ja utilas por ĉiuj esperantistoj en la mondo, ĉar per relative malgranda elspezo de mono kaj tempo oni povas ĝui plenan internacian etoson, kiun provizis antaŭe nur universala kongreso.

## *1.2 raporto de la kongreso*

### *1.2.1 Inaŭguro (08-22, 9:00 ~ 10:15)*

Unue Pramo CHONG, la prezidanto de KAEM salutis: "Estas signifoplene havi nian kongreson en Hanojo, la ĉefurbo de Vjetnamio, kiun iam regis malpaco kaj milito kontraŭhumaneca. Ni, aziaj esperantistoj nun kunsidas kaj manpremas por diskuti pri nia komuna intereso: la paco, stabileco kaj disvolviĝo."

Salutis NGUYEN THI Binh, vic-prezidento de Vjetnamio: "En la nomo de la Registaro kaj de la popolo de Vjetnamio, mi sendas al Vi varman saluton. Mi dankas al UEA kaj KAEM, kiuj forte subtenis kaj helpis por la okazigo de la kongreso. La vjetnama popolo neniam forgesos japanan esperantiston JUI Ĉunoŝin kaj usonan esperantistinon Alice HERZ, kiuj sinbruliginte protestis kontraŭ la milito. Nun Vjetnamio celas al "popolo riĉa, lando potenca, socio justeca kaj civiliza". En la nuna mondo kun multaj konfliktoj, Esperanto-movado havas grandan rolon por la paco en la mondo. La Dua Azia Kongreso kontribuos al la disvolviĝo de la paco, amikeco kaj kooperado inter la diverlandaj popoloj en la regiono kaj la mondo."

Sekvis saluto de HOANG VAN Nghien, prezidanto de l' urba Popolkomitato de Hanojo: "Mi varme salutas vin en la kongreso, kaj dankas al KAEM, kiu elektis Hanojon kiel la kongresan urbon. Hanojo estas unika urbo, Urbo por Paco laŭ UNESKO. Ekde la

30-aj jaroj Hanojo estis centro de Vjetnama Esperanto-movado. Ĝuste la temo de ĉi tiu kongreso estas aspiro de la loĝantoj de Hanojo. Tial ni deziras sukceson de la kongreso."

Ili salutis vjetname kaj interpretis HOANG NGOC Boi. Post tio salutis Kep ENDERBY, la prezidanto de UEA: "Estas rimarkinde, ke la vorto 'socialismo' nun tabua en kelkaj landoj ĉi tie estas grava por internacia amikeco. Ĉi tie iam okazis terura milito. Ankaŭ el Aŭstralio oni sendis soldatojn, kiuj militservis devigite. (Tiun politikon oni nuligis poste feliĉe.) Tamen estis junuloj, kiuj rezistis militservi. Mi fieras, ke ankaŭ mi estis unu el ili..."

Dum paŭzo oni aŭskutis muzikon per vjetnama tradicia muzukilo.

Poste salutis landaj reprezentantoj el Aŭstralio, Aŭstrio, Ĉinio, Germanio, Hispanio, Italio, Japanio, Koreio, Laoso, Nov-Zelando, Pollando, Singapuro, Usono.

Reprezentante Vjetnaman Esperanto-Asocion, gastiganto de la kongreso, salutis NGUYEN DINH Hien, vicprezidanto de la asocio: "Kvankam Esperanto-movado en Vjetnamio suferis multe pro longdaŭra milito, nun ĝi revigliĝas pro okazigo de la Dua Azia Kongreso, kun la helpo de Unio de Amikecaj Organizoj de Vjetnamio, subtenate de la Partio kaj la Ŝtato. Esperanto estas efika ilo por servi al la Paco, Kooperado kaj Fratigo inter la popoloj. Ni deziras al la partoprenantoj plenan bonfarton kaj agrablajn tagojn."

### *1.2.2 Kunsido pri la kongresa ĉeftemo "Kunlaboro por Paco, Stabileco kaj Disvolviĝo" (08-22, 14:00 ~ 15:20)*

Prelegis la kunsidon Kep ENDERBY: "Azio estas apartigita de la alia mondo je lingvoj, kulturoj ktp. Tamen ĉu oni povas apartigi iun popolon de la mondo? Malsameco ne estas pli grava ol fundamenta sameco. Popoloj en aziaj landoj ĝuas vivon malpli multe ol en aliaj partoj de la mondo, malgraŭ siaj digno, diligenteco, intelekteco ktp. Ekzemple en Vjetnamio mi rimarkis grandan diferencon pri diversaj aferoj. Kaŭzo de la diferencoj estas manko de teknikoj pro manko de financaj rimedoj. Tio ne estas kulpo de vjetnamaj popoloj. Tia ne estas justa mondo. Necesas en la mondo ĝenerala justeco. Oni devas havi pli da atento pri ekonomia maljusteco."

Post sia prelegeto Kep ENDERBY mem prezidis la kunsidon.

Andrzej GRZEBOWSKI el Pollando parolis pri sia sperto de Monda Turismo, ke turismo ne povas esti sen paco kaj ke troviĝas ankaŭ viza problemo, por kio oni ne povas libere vojaĝi. Enderby respondis, ke tio okazas ne pro rasa diskriminacio, sed pro ekonomia malsameco. SYÔZI Keiko el Japanio menciis pri projekto helpi Kosovon, kaj ke tiel per Esperanto oni povas helpi. AIHARA Misako el Japanio parolis, ke okazigo de Azia Kongreso mem estas praktiko de la kongresa temo, kaj ke la kongreso bone montras kiel kunlabori. LEE Chongyeong el Koreio montris demandon, kial UEA helpas nur al Kosovo, sed ne al aliaj partoj, kie okazas pli mizeraj aferoj. Eruda LI el Honkongo rememorigis nin pri leterperado de UEA dum la Unua Mondmilito kaj diris ke tiel Esperanto povas ludi

gravan rolon por mondpacco.

### 1.2.3 Kunsido de fervojistoj (08-22, 14:00 ~ 15:20)

*Ĉeestis 25. Prezidis LI Sen el Ĉinio kaj OSIOKA Moritaka el Japanio.*

OSIOKA Moritaka donis raporton pri Japana Fervojo kaj NOBUKI Naosuke el Japanio demandis multajn problemojn pri terminaro de fervojo. Ilia lalboro por la terminaro estis serioza. Germana fervojisto Heinz SCHINDLER donacis al Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio 500 germanajn markojn por la ekonomia subteno.

### 1.2.4 Kunsido de medicinistoj de Yumeiho (08-22, 15:35 ~ 16:35)

*Ĉeestis 55. Prezidis SAIONĴI Masajuki el Japanio. Interpretis vjetnamen NGUYEN KHAC Minh el Vjetnamio.*

Saionĵi klarigis pri la teorio de Yumeiho-Metodo koncerne al pezcentro de la korpopezo. Poste li klarigis pri delokiĝo, uzante lumbildojn. Li prezentis multajn lumbildojn senditajn al alilandaj kuracejoj de Yumeiho, kiuj montras statojn antaŭ kaj post la kuracado. La bildoj montras multajn ekzemplojn de sukceso: Multaj estis plibonigitaj aŭ perfekte resanigitaj.

Li parolis pri pezcentro de la homo kaj pri sukcesaj ekzemploj.

Poste parolis du vjetnamaj geesperantistoj pri la metodo, ke praktikado de Yumeiho-metodo estas tre utila por vjetnamoj. Ili volas disvastigi la metodon kaj Esperanton kun klopodoj.

Post la kunsido antaŭ la salono oni prezentis mezurilon de pezcentro de korpopezo. Mulatj interesatoj amasiĝis.

### 1.2.5 Kunsido de KAEM kun reprezentantoj de Landaj Asocioj (08-22, 15:30 ~16:35)

*Ĉeestis 23. Prezidis SYÔZI Keiko el Japanio.*

Unue Puramo CHONG el Koreio, la prezidanto de KAEM, prezentis laborojn de KAEM: "Ĝi agadis laŭ la projektoj. En Berlina UK ni decidis sendi kompetentan instruiston al Guangzhou kaj Honkongo, kie oni okazigos publikan Esperanto-kurson, kaj helpis ankaŭ la eldonon de Vjetnama Esperanta Vortaro. Ni konstante eldonis nian organon, *Esperanto en Azio*".

DOI Ĉieko el Japanio, redaktanto de la bulteno *Esperanto en Azio* parolis pri ĝi: 4 numerojn jare eldonita; eldonkvanto estas ĉirkaŭ 900. 200 ekzempleroj estas pagataj de japanaj esperantistoj je minimume 2000 enoj jare. Ŝi ankaŭ atentigis ke la organo estas presita per aparato de publika instanco de la gubernio, kvankam la aparato ne estas kvalite kontentiga. Ŝi raportis ke irana junulo proponis transpreni sur sin la redaktadon sed tio ne efektiviĝis pro lia neĉeesto en la 18a Komuna Seminario de Junularo en kiu ŝi deziris havi interkonsiliĝon kun li ktp. LEE Chongyeong proponis danki al la redaktanto pro ŝia granda

laboro kaj proponis ankaŭ ekspedi pakaĵon de la gazeto kolektive al landaj asocioj: al Koreio, Ĉinio, Vjetnamio kaj Hongkongo, kies asocioj dissendu al individuoj. Tiuj landaj asocioj klopodos kolekti monon.

Sekvis la raportoj de landaj asocioj. Raportis YU Tao el Ĉinio, SIBAYAMA Zyun'iti el Japanio, LEE Chongsae el Koreio, LE Nhiem el Vjetnamio, Eruda LI el Honkongo. (pri la raportoj legu en la venonta numero.)

### 1.2.6 Kunsido de Kongresa subtemo: "Internacia lingvo Esperanto en internaciaj rilatoj en Azio" (08-23, 09:00 ~ 10:00)

*Ĉeestis ĉirkaŭ 40. Prezidis YAMASAKI Seikô el Japanio.*

Yamasaki proponis plipreciziĝi kaj detaligi la temon.

SIBAYAMA Zyun'iti el Japanio proponis, ke oni diskutu pri eduka valoro de Esperanto: Ĉu Esperanto estas utila por lerni aliajn lingvojn?

HOANG NGOC Boi el Vjetnamio parolis, ke Esperanto ankoraŭ ne havas sufiĉan motivon lerni, ekzemple ne tiom utilas por fakaj studoj, sed ke ĝi helpas lerni aliajn fremdajn lingvojn, precipe eŭropajn.

KITAGAWA Ikuko el Japanio, kiu instruas Esperanton en sia altlernejo kiel unu el elekteblaj lernobjektoj, parolis, ke Esperanto estas pli facila ol la angla, tamen ĝi pli utilus, se esperantistoj estus pli multaj.

OOBA Atuo el Japanio parolis, ke Esperanto estas nun survoje al praktikado, kaj li parolis pri sia eksperimentado instrui Esperanton al 10-jaruloj, el kiuj unu havis evidentan efikon por lingvolernado.

Yamasaki atentigis neceson de tia eksperimento.

DOI Ĉieko el Japanio parolis, ke antaŭ kelkdekoj da jaroj okazis en Britio tia eksperimento, per kiu Esperanto montris bonan rezulton, sed ŝi atentigis, ke se okazos tia eksperimento en Azio kaj en la nuna tempo, tio estos tre valora.

CAO THI Qui el Vjetnamio parolis, ke kvankam Esperanto estas tre facila, estas malmultaj okazoj uzi la lingvon, kaj ke ŝi deziras havi pli da okazoj.

ZHANG Shaoji el Ĉinio deziris havi interretan ligon de Esperanto.

LU Jixin el Ĉinio parolis pri sia sperto en la hejmloko Guilin instrui kantadon de Esperanto al knabinoj, kiuj kantis en Ĉina Kongreso ĵus okazinta en Guilin, kaj li proponis havi korusan konkurson en Azia Kongreso, por ke junuloj ĝoje lernu Esperanton.

Yamasaki parolis, ke konvinko al neesperantista publiko estas bona rimedo por disvastigi Esperanton.

Feniksa (HOANG MINH Phung) el Vjetnamio parolis pri la malfacileco kontaktiĝi kun alilandaj esperantistoj pro alta poŝtkosto kaj neebleco vojaĝi.

TAHIRA Masako el Japanio parolis, ke estas pli utile aĉeti poŝtmarkojn kaj doni ilin al esperantistoj ekzemple nun en Vjetnamio, ol sendi internaciajn respondkuponojn.

LE Nhiem el Vjetnamio parolis pri malfacileco de prononco de Esperanto por vjetnamoj.

SIBAYAMA Zyun'iti parolis ke interŝanĝi kulturan valoron pere de Esperanto estas bone, ĉar multaj lernas ĝin en plenaĝo.

(Post la kunsido TAHIRA Masako, DOI Ĉieko kaj OSIOKA Moritaka aĉetis kaj donacis multajn poŝtmarkojn kaj donacis al LE Nhiem, por ke vjetnamaj esperantistoj uzu por internacia korespondado. Samon faris ankaŭ KIM Yung-myung el Koreio kaj aliaj.)

## *1.2.7 Prelego kaj prezento "Sano kaj Orienta Kulturo" (23a de aŭg. 08:40 ~ 10:00)*

Prelegis 85-jara NGUYEN MINH Kinh el Vjetnamio. Li prezentis ĉefan ĉeneron en la Zuong-Sinh-metodo: abdomena aŭ diafragma spirado, kiu estas efikoplena en la konservado kaj plibonigo de la sano.

La preleganto montris al la aŭskultantaro tiun mirindan efikon de la metodo: la abdomena aŭ diafragma spirado ne nur efikas al la sano, sed ankaŭ ebligas kuracadon de kelkaj psiko-korpaj malsanoj, ekzemple la sukera diabeto kaj la astmo. Tiuokaze estas demonstrataj kelkaj ekzerc-movoj fare de la helpantino AI Lien por kuracado de diabeto kaj astmo, kio tre interesis la aŭskultantaron.

Post la prelego, pluraj ĉeestintoj demandis la preleganton por pliprofundiĝi la temon.

## *1.2.8 Fak-kunsido de Azia Esperanta Junularo (08-23, 10:15 ~ 11:35)*

*Ĉeestis ĉirkaŭ 40 el Japanio, Ĉinio, Italio kaj Vjetnamio.*

Oni diskutis pri la movado kaj la estonto de azia kaj internacia junularo. Partoprenis multaj vjetnamaj junuloj de HANEA (Hanoja Esperanto-Asocio). En la kunsido oni anoncis la venontan Internacian Junularan Kongreson en Honkongo en la komenco de aŭgusto 2000. NGUYEN VAN Diẹn el Vjetnamio esprimis sian ideon pri junulara movado en Hanojo. Laŭ li estonteco de junulara Esperanto-movado en Hanojo estas brila.

## *1.2.9 Virina fak-kunsido "Sekso kaj Diskriminacio" (08-23, 10:15 ~ 11:35)*

*Ĉeestis 35. Prezidis CHOI Yunhuy (Hortensio)*

Estis 3 raportantoj, el Ĉinio, Japanio kaj Koreio.

Laŭ la alfabeta ordo unue raportis LI Yunxia el Ĉinio pri la dividmaniero de domlaboro en Ĉinio: En granda urbo edzo kaj edzino egale dividas la domlaboron, sed en vilaĝo ankoraŭ troviĝas diversaj diskriminacioj en Ĉinio.

Sekvis raporto de KITAGAWA Ikuko el Japanio. Ŝi ĉefe temis pri la nuntempa socia fenomeno en Japanio. Kial nuntempaj paroj preferas havi filinon al filo? (se ili havos nur unu infanon.) En Japanio tradicie regis familion paternalismo, sed nuntempe socio ŝanĝiĝis kaj oni pensas, ke filino estas pli zorgema ol filo.

Laste CHOI Yunhuy el Koreio raportis pri la hejma kaj sociala rangoj de koreinoj.

Ankaŭ en Koreio paternalismo estas reganta ankoraŭ, sed iom post iom virina pozicio altiĝas hejme kaj socie. Rimarkinda afero estas, ke virinoj ne ŝanĝas familian nomon post la edziniĝo. Temas pri heredo. Se edzo mortos, edzino heredos 1.5-oble de filo aŭ filino.

### *1.2.10 Kunsido de medicinistoj (08-23, 15:35 ~ 16:55)*

*Prezidis Puramo CHONG el Koreio kaj SAIONĴI Masajuki el Japanio.*

En la kunsido oni interŝanĝis ideojn pri la orienta kaj okcidenta medicinoj. Ĉiuj kuracistoj asertis, ke la orienta kaj okcidenta povas kombiniĝi por altigi efikon de kuracado de malsanoj. Kuracadoj sen medikamentoj estas akceptita en publiko, ĉar tia kuracmetodoj estas malmultekostaj. Estas multaj kuracmetodoj sen medikamentoj: ostoterapio, prem-kneda terapio per bastoneto sur manplato kaj plando ktp. Yumeiho-terapio estas kombino de ĝustigo de ostoj, prem-knedo per la dikfingroj de la manoj kaj masaĝo de muskoloj.

### *1.2.11 Historia fak-kunsido "Esperanto-movado kaj la milito en Vjetnamio" (08-23, 14:00 ~ 15:20)*

*Ĉeestis 41 (26 el Japanio, 6 el Vjetnamio, 1 el Kanado, 3 el Ĉinio, 1 el Italio kaj 4 el Koreio). Prezidis NISIO Tutomu el Japanio.*

Unue prezidanto salutis kaj klarigis sencon kaj celon de la kunsido. Sekvis raportoj de koreoj kaj japanoj, kiuj mem preparis raporton.

Puramo CHONG el Koreio, kun titolo "Vjetnama milito kaj partopreno de korea armeo", skizis korean kulpon kaj pardonpetis al vjetnamoj, kaj diris, ke Koreio ŝuldas al Vjetnamio. Responde al la sincera pardonpeto, LE Nhiem el Vjetnamio kortuŝite brakumis lin kaj aplaŭdado okazis.

BAK Hua-Gong el Koreio, kun titolo "Suferoj pro folio-velkigilo Dioxin", raportis pri la uzado de Dioxin en la militado kaj konkludis ke necesas kunlaboro kuraci postsuferantojn de la veneno inter koncernaj landoj.

KUMAKI Hideo el Japanio, longa laboranto pri rilato inter Japanio kaj Vjetnamio, preparis skizan karieron de sia laboro, konklude laŭdis eldonan agadon de vjetnamaj esperantistoj, protestis ke ni neniom povas senkulpigi la usonan imperiismon.

Poste la prezidanto menciis ekziston de helpemo ankaŭ el Aŭstralio, Usono, Honkongo kaj ankaŭ papera partopreno.

Kulmine, HOANG NGOC Boi el Vjetnamio retrospektis la militon. Li mem kiel spertinto de la milito, emfazis ke vjetnamoj neniam povos forgesi la militon, kvankam ŝajnas ke laŭ renoviga politiko oni ne priatentas ĝin. Li dankis ke okaze de ĉi tiu kongreso oni povis havi ŝancon denove retrorigardi ĝin je Esperanto.

Sekvis kortuŝaj paroloj de LE Nhiem pri siaj propraj spertoj: Post la fino de la milito reveninte sian naskvilaĝon, li trovis ke ĝi malaperis. Tiom severa estis la detruado en la milito. Tamen fine li kulpigis nur la registaron kaj pardonis popolon.

Sekvis demandoj kaj respondoj, interalie al HOANG NGOC Boi, kial venkis Vjetnamio en la milito. Li simple respondis, ke venkis ne forto sed sorto, t.e. justeco.

Mankis tempo por diskuti, sed sufiĉis Esperanto, pere de kiu ĉeestantoj emocie aŭskultis senkaŝan senton de vjetnamoj parolantaj en la kunsido.

Ĉe la fino la prezidanto, la zorganto de ĉi tiu organiza grupo, emfazis ke ĝi eldonos raportaron de la kunveno, kiu enhavu tradukojn de historiaj lernolibroj kun originalo de koncernaj landoj.

### 1.2.12 Libro-kulturo (08-23, 15:35 ~ 16:55)

*Ĉeestis ĉirkaŭ 40. Prezidis SYÔZI Keiko.*

La fakkunsido traktis eldonaĵojn kiuj aperis post la Unua Azia Kongreso en Ŝanhajo en 1996.

YU Tao, ĝenerala sekretario de Ĉina Esperanto-Ligo, prezentis kvar librojn inkluzive de "Ruĝdoma Songô", la plej fama ĉina romano kaj "Analektoj de Konfuceo", unu el la plej gravaj libroj por ĉinoj. Eldono de "Ruĝdoma Songô" tiris atenton de ĉinaj amaskomunikiloj kaj altigis prestiĝon de Esperanto, montrante ke ĝi estas matura kaj taŭga lingvo por la elstara verko.

ISINO Yosio, ĝenerala sekretario de JEI, prezentis "Historio de la Japana Esperanto-Movado" kaj "Ĉu vi parolas Esperante?", kiu ĵus aperis kun kasedo kaj kompakta disko. Multaj japanoj lernis konversacion per tiu lernilo, kaj tamen la libro jam elĉerpiĝis. Pro tio JEI produktis paginte kopirajton al la aŭtoro, por provizi ĝin ankaŭ eksterlanden.

Korea Esperanto-Asocio eldonis tri librojn, "Koreaj malnovaj rakontoj", "Vastas la mondo, multas laboro" kaj "Birdoj sen flugiloj", originala poemaro de Dan Tirinaro. Aldone al klarigo de Sezamo KIM, ĝenerala sekretario de KEA, LEE Chong-yeong, la prezidanto de KEA arde parolis pri Dan Tirinaro, kiu vivis en la japana imperiisma koloniado, protestis kontraŭ la imperiismo kaj la kapitalismo per siaj verkoj.

LE Nhiem de Vjetnama Esperanto-Asocio, prezentis al ni NGUYEN MINH Kinh, 89-jaran kompilinton de "Granda Vortaro Vjetnam-Esperanta", kiu aperis du semajnojn antaŭ la kongreso.

La ĉeestantoj miregis pri lia rakonto, ke li sola kompiladis la vortaregon dum 28 jaroj, loĝante kiel ermito for de geamikoj por koncentriĝi al la tasko. La mirego tuj ŝanĝiĝis en malavaran aplaŭdon al lia fina sukceso. Prezentiĝis ankaŭ "Poemaro el Ho Chi Minh kaj To Huu" kaj aliaj.

Sekvis TAKEUTI Yosikazu el Japanio, kiu prezentis "Cikatro de Amo", "Ivan la malsaĝulo", "Vivo kaj verkoj de MIYAMOTO Masao" kaj aliajn eldonitajn de Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj kaj de la eldonejo "Riveroj". SYÔZI Keiko de Libroteko Tokio parolis pri "Taglibro de Anne Frank" kaj "Historieto de Esperanto", HORI Yasuo el Japanio pri "Raportoj el Japanio" kaj IE Harumi el Japanio pri "Kenĉjo de Hanase". Viglis

opiniŝanĝoj inter la prezentantoj kaj la aŭskultantaro, kies varma aplaŭdo al ĉiuj aŭtoroj /eldonantoj certe instigos ilin al pluaj eldonprojektoj.

### *1.2.13. Prelegoj (08-24, 14:00 ~ 15:00)*

#### *1.2.13.1 Pri la Renovigo de Vjetnamio*

*Prelegis HUU Tho, estro de Komisiono pri Ideologio kaj Kulturo de la Centra Komitato de Vjetnama Komunista Partio. Interpretis HOANG NGOC Boi.*

"Unue mi dankesprimis al esperantistaro pri la morala subteno al Vjetnamio dum la malfacila tempo de la milito. Post la milito en la tempo paca, ni havas politikon de renovigo. La ekonomio de Vjetnamio kreskadas iom post iom. Paralele al tia ekonomia disvolviĝo la lando ankaŭ priatentas malpliigon de malriĉuloj, pli bonan edukadon kaj homajn rajtojn cele al demokratia socio. Rilatoj kun alilandoj pli kaj pli multiĝas kaj boniĝas. Tamen Vjetnamio estas ankoraŭ malriĉa lando. Kaj do ni daŭrigos klopodadon al plua renovigo laŭ socialisma orientado."

#### *13.2 Pri Ekstera Politiko de Vjetnamio*

*Prelegis PHAN VAN Chuong, vicestro de la Komisiono pri Eksteraj Rilatoj de la Centra Komitato de Vjetnama Komunista Partio. Interpretis HOANG NGOC Boi.*

"Vjetnamio estis longe ne-sendependa, malriĉa kaj mizera lando pro militoj. Ni nun deziras pacan kaj sendependan landon kaj samon ni deziras al aliaj landoj. La politiko de Vjetnamio pri eksteraj aferoj estas amikiĝi kun ĉiuj landoj en la mondo, strebante por paco, sendependo kaj disvolviĝo, ne enmiksiĝi en internajn aferojn, ne uzi perforton, kaj respekti unu la alian. Tia rilato kaj ankaŭ kunhelpo gravas precipe kun najbaraj landoj: Laoso kaj Kampuĉio, kun kiuj ni klopodadis batali kontraŭ malamikoj por sendependiĝo, kaj konkeras nun malfacilaĵojn por plialtigi niajn postlasitajn vivojn. Ankaŭ kun Usono Vjetnamio estas preta establi pli bonan rilaton: Ni jam havas diplomatian rilaton. Antaŭ nelonge ambaŭ landoj atingis interkonsenton pri komerco kaj intereso al si. Ankaŭ al UN ni havas respekton kaj kontribuos por demokratigi UNon. Ni pensas, ke ĉiuj konfliktoj devas esti solvitaj per pacaj rimedoj respekte al internaciaj leĝoj."

### *1.2.14 Legantoj de "El Popola Ĉinio" (08-24, 14:00 ~ 15:20)*

*Ĉeestis ĉirkaŭ 40. Prezidis YU Tao, ĉefredaktor-asistanto de la gazeto.*

Ĉeestantoj el Japanio, Kanado, Koreio, Vjetnamio kaj Ĉinio montris sian ŝaton al "EPĈ", unu el la plej bele ilustritaj profesie redaktataj kaj regule eldonataj Esperantaj revuoj. Ili donis ankaŭ tre valorajn proponojn, ekzemple TAKEUTI Yosikazu el Japanio proponis doni pli da enhavo pri internacia evento, venigi pli da Esperanto-aŭtoroj por regali la esperantistojn. Pri distribuado kaj abonperiodo, estos pli bone kontaktiĝi kun peranto, kaj la abonperiodo estos de januaro ĝis decembro, aŭ de julio ĝis junio.

Ili deziris, ke EPĈ daŭre vivu por esti bona propagandilo de Esperanto.

YU Tao kaj WANG Hanping ankaŭ raportis pri la konkurso "50 jaroj por EPĈ" – petado al kontribuaĵoj pri Esperanto, paco kaj Ĉinio, por aperigado en EPĈ. La redakcio premios la elstarajn verkojn.

### 1.2.15 "Trinkante akvon, oni devas danke rememori la fonton" (08-24, 15:35 ~ 16:35)

Tiu kunsido kun tiel longa nomo celas honorigi homojn, kiuj klopodis por ebligi nunan pacan staton de Vjetnamio. Tio signifas, ke kiam oni trinkas akvon, oni devas pripensi kaj rememori fonton de la akvo. Ĉi-foje oni honorigis eksterlandanojn, kiuj helpis por savi la landon.

LE Nhiem menciis nomojn: Alice HERZ (usonanino) kaj JUI Ĉunoŝin (japano), kiuj sin bruligis protestante Vjetnaman Militon, kaj iu hispana samideano, kiu batalis flanke de Sudvjetnama Liberiga Armeo.

NGUYEN THI Binh, vicprezidento de la respubliko donacis Ordonon de Amikeco kun la subskribo de la prezidento de Vjetnama Socialista Respubliko al la familiano de JUI Ĉunoŝin. Reale ricevis la ordenon AIHARA Misako el Japanio, kiu poste transdonos ĝin al la familiano de Jui en Japanio.

Ankaŭ la ordeno al hispana batalinto estis donacita al hispana partoprenanto en la kongreso. Ankaŭ LEE Chong-yeong el Koreio ricevis la ordenon, ĉar li instigis la vjetnaman registaron preni la pacan lingvon Esperanto al UN. Poste honora atestilo de Vjetnama Esperanto-Asocio estis donacita al Kep ENDERBY (prezidanto de UEA) el Aŭstralio, Puramo CHONG (prezidanto de KAEM) el Koreio, TAKEUTI Yosikazu kaj SYÔZI Keiko (KAEM-anoj) el Japanio, BAK Hua-Gong (KAEM-ano) el Koreio kaj YU Tao (KAEM-ano) el Ĉinio, pro ilia kontribuo al Esperanto-movado en Vjetnamio kaj en Azio.

### 1.2.16 Renkontiĝo de KAEM kun Aziaj gesamideanoj (08-25, 08:40 ~ 10:00)

*Ĉeestis ĉirkaŭ 40. Prezidis TAKEUTI Yosikazu, vicprezidanto de KAEM, el Japanio.*

Takeuti esprimis kelkajn enkondukajn vortojn. Li diris: KAEM devas esti modelo de transnaciaj kunlaboroj de landaj asocioj kaj Esperantaj organizaĵoj en regiona agado. Por fari la Komisionon tia nepre bezonataj estas ne nur kunlaboroj sed ankaŭ seriozaj kritikoj de samideanoj rilate al ĝia aktivado. En tiu senco bonvenaj estas la viglaj opinilevoj de la ĉeestantoj.

Puramo CHONG, la prezidanto de KAEM, el Koreio, skize raportis la agadon de KAEM en la pasinta jaro. I.a. li detale klarigis la nunan staton de praktikado de la kvar Projektoj, kiuj formas la bazon de la grupa gvidado de la nunaj membroj.

DOI Ĉieko raportis pri sia laboro por "Esperanto en Azio" kaj akcentis, ke la redaktado, presado kaj distribuado de "Esperanto en Azio" estas bazitaj de volontulaj laboroj tute ne salajrataj. Ŝi alvokis la ĉeestantojn sekvi laŭ ilia povo la ekzemplojn de multaj japanoj, kiuj finance tenas la aferon per donacoj de mono. Ŝi ankaŭ atentigis, ke la

sumo de la donacita mono iras ne al JEI sed al Fondaĵo Azio de UEA por ke ĝi estu uzata ĝenerale por la bezono de azia agado inkluzive de la Projektoj de KAEM.

La prezidanto invitis la ĉeestantojn al libera diskutado. YAMASAKI Seikô el Japanio menciis la bezonon fortigi KAEM-on, kaj por organizi azian kongreson li proponis starigi KKS-on flanke de KAEM, kio tamen bezonas monon. Li diris ke tiucele KAEM rezervu parton de la profito de la kongreso. Puramo CHONG respondis, ke KAEM havas sian propran konton en UEA en kiu deponita estas la profito de la Unua Azia Kongreso, kvankam la sumo estas tre malgranda por kovri la necesan koston de aktivado de la membroj. Yamasaki emfazis, ke KAEM fortigu sian potencon kaj rajton tiel ke ĝi intervenu la agadon de landaj asocioj eĉ defie al la fiero de naciaj asocioj, el kies membroj plejparto estas sensperta organizi internaciajn eventojn. Li ankaŭ proponis okazigi kampanjon por donaci monon al la konto de KAEM, kio ebligos tiucelan agadon al la komisiitoj.

DAO ANH Kha el Vjetnamio diris, ke por vjetnamoj la plej signifa sukceso de la Kongreso estas la morala, kaj tio faris Esperanto-movadon en Vjetnamio tiel prestiĝa kun promeso al la bela estonteco. Li diris ke surbaze de la sukceso de la Kongreso VEA daŭre fidos al KAEM kaj estos pozitiva membro de UEA.

SIBAYAMA Zyun'iti, prezidanto de estraro de Japana Esperanto-Instituto, prezentis Takeuti kiel ĉijaran premiiton de la premio Ossaka, la plej prestiĝa premio en la japana esperantujo menciante ke Takeuti estos premiita pro sia kontribuo al azia movado. Sibayama prezentis ankaŭ MIYOSI Eturô el Japanio kiu donacis grandan sumon de mono al Fondaĵo Cigno el kiu UEA subvenciis la eldonon de la atendata Vejtnama-Esperanta Vortaro.

Feniksa (HOANG MINH Phung) el Vjetnamio esprimis fortan deziron ke KAEM daŭre helpu vjetnamajn esperantistojn aŭ liverante lernolibrojn aŭ donante la okazon studi la movadon en la progresintaj landoj.

DANG TRAN Thiet el Vjetnamio demandis la sintenon de KAEM rilate al Esperanta turismo.

Takeuti respondis, ke KAEM unuavice celas kunordigi kaj vigligi la movadon de ĉi tiu regiono laŭ la oficiale deciditaj principoj pri ĝia agado, kiuj klare sin reflektas en Aziaj Projektoj. Li diris plu ke kvankam signifa estas la agado de esperantistaj individuoj kaj organizoj en turisma kampo, tamen tio ne estas la tasko de KAEM.

OOBA Atuo el Japanio demandis, ĉu KAEM ne havas projekton kontakti esperantistojn aŭ simpatiantojn al Esperanto en ekonomie fortaj landoj, kie tamen ne estas organizita movado. Puramo CHONG respondis ke post la Kongreso li vizitos Tajlandon profitante la okazon ke la prezidanto de UEA prelegos en universitato en Bankoko. Kaj BAK Hua Gong el Koreio en la nomo de KAEM oficiale akompanos la prezidanton de UEA kaj estas preta instrui Esperanton al la interesitoj al la prelego.

La parolo de Wilhelm SCHUMID, germano loĝanta en Japanio, temis pri la geografia situo de la landoj kiel Israelo kaj Turkio en kiuj oni pli emas partopreni en UK ol en AK, kaj proponis plilimigi la teritorion por okazigi AK-on.

Sibayama diris ke KAEM studu la eblecon iom malkare disvastigi inter vjetnamaj esperantistoj la Vjetnama-Esperantan Vortaron, kiu estas por ili tro multekosta. Yamasaki demandis tiurilate, kia estas la situacio de biblioteko de VEA. NGUYEN THI Ngoc Lan el Vjetnamio respondis, ke VEA havas sian bibliotekon en iu lernejo dank' al la helpoj de diversaj landaj asocioj. Yamasaki demandis ĉu la libroj de la biblioteko estas registritaj en katalogo, kaj konsilis ke la libroj nepre estu registritaj ne en simpla listo sed en katalogo en la formo de klasifikaj kartoj menciante la ekziston de referencaj libroj, kiujn donaci li pretas.

SYÔZI Keiko el Japanio demandis, kiom da ekzempleroj de la vortaro, kiu eldoniĝis je 250 ekzempleroj onidire, estis jam venditaj, ĉar surloke en la kongresejo okazis vigla kampanjo por aĉeti la vortarojn kaj donaci ilin al vjetnamaj samideanoj. NGUYEN THI Ngoc Lan respondis, kvankam ne estas klare, verŝajne kelkdeko da libroj estis venditaj. (Poste ŝi raportis ke vendiĝis ĉ. 60)

SYÔZI Keiko, la membro de KAEM, raportis pri sia agado por Projekto C. Ŝi donis klarigon, ke ĉijare 59 aziaj aktivuloj povis membriĝi al UEA kadre de Projekto C, dume UEA povis akcepti ĉ 80 personojn laŭ ĝia buĝeto. Kaj ŝi diris ke ŝi estas preta akcepti sinanoncojn de esperantistoj, kiuj loĝas en nepagipovaj landoj kaj deziras esti membro de UEA laŭ la kondiĉo montrita en la Projekto.

INUMARU Fumio el Japanio prezentis opinion de ĉina samideano, ke KAEM havu sian TTT-paĝon. Li ankaŭ prezentis la vortojn, kiujn esprimis YU Tao en la fakkunsido de junuloj ke li konsideras starigi junularan sekcion kiel suborganizon de KAEM. Syôzi informis, ke Puramo CHONG estas preta fari TTT-paĝon de KAEM, kaj ke rilate al la junulara sekcio oni jam ekagis.

NGUYEN DUY Theu el Vjetnamio demandis, kial ne partoprenas esperantistoj el ceteraj aziaj landoj. Takeuti respondis ke ni devas daŭre klopodi por forigi el Azio eĉ persiste la politikan, ekonomian, kaj socialan problemojn kiuj malebligas al niaj samideanoj de tiuj landoj la partoprenon en internaciaj eventoj, kaj li emfazis ke KAEM serioze agados responde al lia demando.

### *1.2.17 Ferma Solenaĵo (08-25, 10:00 ~ 12:00)*

Antaŭ la solenaĵo oni rigardis televidan elsendon, kiu informis pri scenoj de la kongreso.

Post la saluto de Puramo CHONG, la prezidanto de KAEM, HOANG NGOC Boi raportis pri la kongreso, ke aliĝis al la kongreso 420 el 16 landoj, kaj ke el ili 231 aliĝintoj estis eksterlandanoj; venis 30 amaskomunikoj por publike informi la kongreson; oni plantis

Zamenhof-arbon memore al la kongreso ktp.

DAO ANH Kha, reprezentante la organizantojn, esprimis dankvortojn kaj diris adiaŭon.

Kep ENDERBY, la prezidanto de UEA, ankaŭ dankesprimis al ĉiuj instancoj, kiuj sukcesigis la kongreson.

SYÔZI Keiko legis kongresan rezolucion (legu suban), kiu estis akceptita kun aplaŭdo.

TAKEUTI Yosikazu parolis pri la venonta Azia Kongreso: Nepalo kaj Koreio kandidatas, sed pro neĉeesto de nepala esperantisto la venonta kongreslando estas ankoraŭ ne decidita; ĝi estos decidita ĝis la fino de oktobro.

## *1.3 Kongresa rezolucio*

Ni esperantistoj venintaj el la 16 landoj: Aŭstralio, Aŭstrio, Ĉinio, Francio, Germanio, Hispanio, Italio, Japanio, Kanado, Koreio, Laoso, Nov-Zelando, Pollando, Singapuro, Usono kaj Vjetnamio, partoprenintoj de la Dua Azia Kongreso, okazigita inter la 22a kaj 25a de aŭgusto 1999 en Hanojo, la ĉefurbo de Socialisma Respubliko Vjetnamio,

honorite per la la ĉeesto en la Solena Inaŭguro kaj salutparolo de Vicprezidento de Socialisma Respubliko Vjetnamio, Alta Protektanto de la Kongreso, s-ino NGUYEN THI Binh kaj per la amika akcepto de la Vic-Ĉefministro, Ministro pri Eksterlandaj Aferoj, s-ro NGUYEN MANH Cam,

pridiskutinte la kongresan ĉeftemon "Kunlabor por Paco, Stabileco kaj Disvolviĝo",

revuinte la pluan disvolviĝon kaj agadon de la Azia Esperanto-Movado de post la Unua Azia Kongreso (Ŝanhajo, aŭgusto 1996) ĝis nun,

konsciante, ke Kunlaboro por Paco, Stabileco kaj Disvolviĝo estas ĝenerala tendenco de la nuna epoko, konforma al la ardaj aspiroj de la popoloj de Azio kaj la mondo,

ke interŝanĝoj kaj renkontiĝoj de esperantistoj sur ĉiuj niveloj landa, regiona kaj monda estas komune dezirindaj,

ke la Internacia Lingvo Esperanto fariĝis kaj fariĝas efika internacia komunikilo,

1. ĝojas pri la atingoj de la disvolviĝanta kaj renoviĝanta Vjetnamio kaj bondeziras al la vjetnama popolo ankoraŭ pligrandajn atingojn en la tempo venonta;

2. decidoplene pliaktivigos, pere de la lingvo Esperanto, en plej riĉenhavaj kaj praktikaj formoj, diversflankajn agadojn por progresigi tiun ĉi ĝeneralan tendencon;

3. uzas komunan lingvon Esperanto en opini-interŝasnĝo pri komune interesaj aferoj, kaj kontribuas por pliefikigi la interkompreniĝon kaj plifortigi amikajn rilatojn inter la popoloj laŭ la deziro de nia Majstro, d-ro L. L. Zamenhof, ke Esperanto estu lingvo de

Paco kaj Amikeco;

4. daŭre aktive disvastigos Esperanton per starigo de kursoj, eldonado de Esperantaj libroj, revuoj, gazetoj, interŝanĝo en kampoj kultura, edukada, arta, turisma k.a.

5. alvokas al ĉiuj Azilandaj Esperanto-organizoj kaj unuopuloj plifortigi la unuecon, mobilizi eblecojn kaj agadformojn kaj plioftigi interŝanĝojn de spertoj por antaŭenigi la Azian Esperanto-movadon en la 21a jarcento. Hanojo, la 25an de aŭgusto 1999

## 2. Letero de leganto el Pakistano

1999-03-11

Ni dankas pro la gazeto, kiun ni regule ricevas de vi. Via gazeto estas utila kaj informplena. Per via gazeto niaj esperantistoj akiras freŝajn novaĵojn pri Esperanto-movado mondskale.

Ni ankaŭ bonvenigos artikolojn, novajn nomojn kaj adresojn de geesperantistoj, kiuj volas korespondi kun pakistanaj esperantistoj, per nia gazeto "Facila Esperanto".

*Altaf Gohar Khan (ĝenerala sekretario de Pakistana Espernato-Asocio/ adreso de Centra Oficejo: 3-Asghar Mall Road, Rawalpindi-46000, Pakistano. tel.: +92-51-421185 kaj 453898. retpoŝto:<pak_esperanto@hotmail.com>*

## 3. Kontribuoj

Ni ricevis de jenaj 30 personoj sume 73,170 japanajn enojn. Koran dankon!

| | |
|---|---|
| 10,000¥ | IINO Keiko |
| 5,000¥ | SAWADA Yôko |
| 4,000¥ | MIYAZAWA Naoto, SIBAYAMA Zyun'iti |
| 3,850¥ | Hazel GREEN |
| 2,770¥ | TAMURA Mohei |
| 2,200¥ | Edvige Tantin ACKERMANN, LEE Chongsae |
| 2,000¥ | EGAWA Harukuni, ESAKA Kiitirô, Esperanto-Rondo de Ehime, Esperanto-Rondo Senboku, GOTÔ Hitosi, GOTÔ Kazumi, HUZITA Takeo, IE Harumi, IWAI Masahisa, KOBAYASI Tukasa, MAEKAWA Tuneo, NOMURA Tadatuna, ONDA Hiromasa, SANPEI Keiko, TADAISI Tizuko, UENO Katuhiro, YANO Keiko, YAZAKI Yôko |
| 1,100¥ | HOANG NGOC BOI, Eruda LI |
| 550¥ | LEE Chong-yeong |
| 400¥ | NGUYEN DINH Long |

●***redaktantoj parolas:*** Ĉi tiu numero estas speciala por raporto pri la 2a Azia Kongreso. Baldaŭ vi ricevos la 37an numeron, ankaŭ ĉefe pri la kongreso. Havu agrablan oktobron! (1999-10-04, doi ĉ kaj h)